PENSEO

N-ro 184

Feb./2007

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 18-a jaro http://www.elerno.net/penseo/penlisto.htm

# Mi Preferas Ordinaran Vivon

Wa Jiexi

Iam franca knabo petis manon de ĉina knabino.

Tio okazis ĉe la bordo de la Okcidenta Lago, kie rulis ondetoj glimaj. Tiun tagon, la suno disŝutis siajn varmajn kaj softajn radiojn sur la tero, kaj zefiro blovetis, skuante salikbranĉojn, hirtigante lian blondan hararon kaj levante la baskon de ŝia laktblanka jupo. Li fiksis, tra siaj pupiloj hele ĉielbluaj, sian atenteman rigardon al ŝiaj okuloj.

Kun unu genuo falanta sur la tero, li leĝere sed firme tenis la blankan manon.

"Edziniĝu al mi, ĉu bone?" Lia voĉo kun iom da ekzotika tono ŝvebis en la aero. Fakte, ŝi jam enamiĝis al li, sed kun kelkaj skrupuloj.

La longaj branĉoj de salikarbo svingadis en la vento. Tiumomente tempo kvazaŭ senmoviĝis por eterne.

Finfine, la knabino iome kapjesis. Kiam la knabo ekstaze brakumis ŝin en sian sinon, la knabino kvazaŭ demandis, "Ĉu vi amas min dumvive?"

Mi memoras ke la respondo estis jes.

Ĉio estis tre feliĉiga. Post geedziĝo, la knabino reiris kune kun la knabo al la franca bieno, kie kreskis sur vasta terspaco orecaj sunfloroj kaj hele purpuraj lavendoj forte allogaj al ŝi. Ĉiufoje kiam vento blovis, starante sur kampeĝo nudpiede kun etenditaj brakoj, ŝi sentis atakon post atako da ondoj de orkoloro kaj purpuro en la varma sunlumo. Ŝi estis sorĉita en tia sento.

Kun rideto, la knabo fikse rigardis ŝian dorsfiguron. Li silente konstruis purblankan dometon —— kiel blanka anĝelo —— preĝante por ŝi.

En la domo plena je ama etoso estis ĉambro speciale preparita por la knabino — la ĉambro kiu enlasis sunlumon brili en ĝia ĉiu angulo. Ŝi ornamis la ĝisplankajn fenestrojn per purblankaj aĵuraj kovriloj, kiujn ŝi zorgeme elektis. En la mezo de la ĉambro metiĝis ronda vitra tableto kun blanka apogseĝo oblikve metita tuj apud ĝi, fronte al la senlima maro ekster la fenestro. Tia aranĝo estis pro tio, ke ŝi ŝatis ĵeti sian distran rigardon eksteren de tiu angulo kun siaj iom malfermitaj okuloj, kiam ŝi estis laca. Ĉe la muro staris malalta vico da librоŝrankoj, en kiuj estis libroj amataj de ŝi kiel sian vivon.

Memstara, ŝi ne bezonis lin vivteni ŝin. Ŝi povis verki, kaj karesemon kaj deikatan triston elspiris ŝiaj verkoj, kiuj kortuŝis legantojn. Post publikiĝo de ŝiaj verkoj en ŝia lando, ŝi neniam konsideris tion grava, kiel legantoj reagas al ili.

Ŝi nur serĉis tion, de kio ŝi povas dependi en la menso, kaj la veron kial ŝi pluvivos.

Tio jam sufiĉis.



Ĉiun frumatenon, kiam la unuaj sunradioj el la horizonto penetris en ŝian ĉambreton, ŝi, kiu ĉiam lasis sian longan brile nigran hararon nekombita, nudpiede eniris la ĉambron speciale preparitan de li al ŝi, en larĝa ;aktblanka piĵama jupo kaj kun taso da

densa kafo en la mano. Tie jam ŝin atendis ĉarma kaj freŝa rozo sur la vitra tablo, elsendante delikatan aromon.

Tie ŝi legis kaj verkis, atendante lian revenon. Tiun tason da densa kafo ŝi neniam trinkis, ĝuste kiel ŝi nur legis vortojn presitajn sur papero, sed obstine tajpis per portebla komputilo. Ŝi nur ŝatis la iom amaran guston de kafo. Kaj ŝi trinkis maldensan teon senescepte.

Tie ŝi legis kaj verkis, atendante lian revenon. Tiun tason da densa kafo ŝi neniam trinkis, ĝuste kiel ŝi nur legis vortojn presitajn sur papero, sed obstine tajpis per portebla komputilo. Ŝi nur ŝatis la iom amaran guston de kafo. Kaj ŝi trinkis maldensan teon senescepte.

Ili jam geedziĝis tri jarojn. En lia amo, ŝi sentis sin feliĉa, sed maltrankvila. Ŝi diris al li, "Kiam ni aĝos tridek jarojn, ni naskos infanon, ĉu bone? Mi volas, ke vi havas nur min en la koro antaŭ mia aĝo de tridek jaroj." Liaj okuloj estis ankoraŭ tiel bluaj kiel la ĉielo. Li ridete brakumis ŝin en sian sinon. "Estos tre danĝere, se vi naskos infanon je la aĝo de tridek jaroj." Ŝovante sian kapon sur la bruston de la knabo, ŝi diris, "Do, ni neniam havigos al ni infanon ." El ŝia ŝajne arbitra voĉo spiris iom da sennoma kaj senhelpa tristo, kiu pikis lian koron. "Bone." Karesante ŝian longan brile nigran hararon, li ankoraŭ ridete diris, "Mi nur vin amas por ĉiam." En la okuloj estis iom da malespero, ĉar ŝi ne plu estis la knabino antaŭ tri jaroj, kiu nur ĉasis ion eternan, nun ŝi jam konsciiĝis iom post iom, kia pala esprimo estas "eterneco", kiam oni parolas pri la vorto.

"Se iutage vi ne plu amos min, do donu al mi infano, ĉu bone? Mi... ne volas...esti tiel sola... kiel solulino."

I.

Tempo povas konkeri ĉion. Finfine li perfidis ŝin kaj enamiĝis al alia virino. Li diris al la knabino, "Vere, mi petas vian pardonon." Ŝi estis tre trankvila, tiel trankvila, ke ĉio ĉi ŝajne havas nenian rilaton kun ŝi. Ŝi nur diris senemocie, "Mi volas nenion krom ĉi tiun dometon. Se vi ne permesus, mi povus pagi kontraŭ ĝi. Krome, naskigu al mi infanon."

Li foriris, lasante la gravedan knabinon kaj la dometon blankan kiel anĝelon. Nur amo jam malaperis.

Ŝi venigis siajn gepatrojn por kune loĝi. Post dek monatoj, la infano naskiĝis. Ne gravis ĉu la infano estas vira kaj ina. Kiel kutime, kun taso da kafo, kiun ŝi neniel tuŝis, ŝi legis kaj verkis en tiu ĉambro plena je sunlumo ĉiumatene kaj, krome servis al gepatroj kaj vartis la infanon.

Laŭ ŝi, en la mondo, krom amo, estas fakte multaj specoj de sentoj, kiuj bezonas nian flegadon.

II.

La knabo eltenis la provon de tempo. Je la aĝo de tridek jaroj, ŝi naskis la unuan infanon dum lia vivo. Li fariĝis patro, kaj ŝi patrino.

Ŝi venigis siajn gepatrojn por kune loĝi. Vivante kun la junulo, ŝi servis al siaj gepatroj kaj vartis sian infanon ĉiutage. Kompreneble, ŝi, kiel kutime, iris al la sunlumplena ĉambro por legi kaj verki.

Ŝi diris al li, "Jam sufiĉas por mi vivi tiom da jaroj. Nun mia centro estas vi, mia infano kaj miaj gepatroj."

En la subiranta sunlumo, antaŭ la senlima orita maro staris ŝia dorsfiguro firmiĝinta tagon post tago.

elĉinigis **Samio**



## Bonkoro (Gu Cunhua)

# La Eta Manĝejo Vilaĝa

La eta maĝejo vilaĝa,
Kun povra aspekto grandaĝa.
L'mastrino plej milde ridadas,

Lokgusto aparta bongustas.

Sur muro la filmo en ekran',
Enfalis en valon l'aeroplan'--
Manĝiloj* jen haltas dumvoje,
Vinagras kaj salas plurfoje.

Subite la hundo ekbojas,
Sinjoro Manel** ja ekĝojas;
Li tuj senhezite rebatas,
La hundo nevole silentas.

Klientoj finpagis kunsate,
Biletojn kontrolas la mastrin',
En filmo ludadas sonate,
Servicon ja lavos la patrin'.

08. 12. 2006 en Chongqing



*=manghbastonetoj.

**Manel Vinyals:hispana verkisto, kiu kune kun sia amiko s-o Joaquim Marcoval en 2001 mondvojaĝante atingis nian urbon Chongqing kaj mi kaj s-o Zhao Dezhi amikiĝis kun ili. Dum ni vagis en la ĉirkauurbo Manel kun ĝojo imitis la bojadon de hundo.

# Ĉineske

## Daolianzi

unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el 5 versoj de 33,7,77 silaboj, laŭ rimaranĝo x, a, a, x, a

### Penso sub Neĝo

—Omaĝe al Espernto

sub neĝo
glacia
eltenas pens' defia
ju pli peza la premfort'
ĝi des pli energia

**(Eto)**

### Sendormeco

En korto
de silent',
senĉese blovas frid-vent'.
Ne povas dormi dum nokt',
nur pro sonorila pent'?

**(Zhuang Qixiong)**

## Moyuer

unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strof ojpo 12 versoj de 346,76,3,37,4,545/36,6,76, 3,37,4,545 silaboj,laŭ rimaranĝo x,x,a,x,a,a, x,a,a,x,x,a / x,a,a,x,a,a,x,a,a,x,x,a (x=senrim a)

### Cikonio kaj Konko

sur bordo
de l' rivero
je eko de juni'
konko sin malfermigas
por ĝu' de sunradi'
cikoni'
subite
alplonĝas kvaz' per ski'
por predpremi'
li volas beki
ŝian molon
spite al raci'



tujtuje
fermiĝas firme ŝi
tenas bekon de li
"se tiele vi mortos,"
li deklaras per kri'
"tragedi'
okazos"
ŝi respondis, "vi skabi'

kun kordevi'
ankaŭ mortaĉos"
longa kverel'
kondukas al fi'

**(Eto)**

## Niannujiao

unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 11 versoj de 436,436,445,46 / 654,436,454,46 silaboj, laŭ rimarangô x,x,a,x,x,a,x,x,a,x,a (x = senrima)

## Virin' Forlasita

finfine li
forlasis
min sen ajna kompat'
jam de jaroj
suferis
mi de spirita bat'
ankaŭ korpe
de turmento
laŭ malbona fat'
forĵetita
kvazaŭ vaganta kat'

sed mi ne forgesas
litludon kun li
en rava ŝat'
lia piŝtad'
perfektis
por mia seks-malsat'
ekstaza ĝu'
ardigis min en
in-delikat'
mi soifas
eĉ nun je brula dat'

**(Lily)**

## Tiaoxiaoling

unu el ĉina fiksforma poemo al ses versoj de 4, 6; 6, 6; 4, 6 silaboj, laŭ rimarangô de a, a, b, b, c, c. La 4 silabaj versoj konsistas el du ripetaj vortoj. Kaj la unua vorto de la kvina verso devas esti el palindrome ordigitaj silaboj de la lasta vorto de la kvara verso. ekz. rimi-miri; mora-arom; nomo-mono' roso-soro.

## Ĝojan Printempan Feston!

ĝoje, ĝoje
ĉiujare foje
kun novjara beno
al sukcesa veno
nove, nove
ekmarŝu denove

**(Vejdo)**

## Idealo

Nova, nova
vila' ĉiopova!
Al tempon pilgrimi
por anim' pli rimi.
Miri miri,
neniam suspiri?

Granda, granda
Ideal' ne franda!
Respekto al homo;
ignoro al nomo.
Mono, mono,
kial plej bezono?

**(Zhuang Qixiong)**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_